6-a Jaro. N-o 9-10 Septembro-Oktobro 1927

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: HANS LUDWIG, Pirna-Posta IV-b (Germanujo)
Administrejo: M. GOLDBERG, Frohburgerstr. 68 p., Leipzig S 3 (Germ.), poŝtĉekkonto Leipzig 20 410 — Anoncoj: La linio, 3 mm alta, 6 cm larĝa, kostas 0,30 M.



## TUTMONDA ESPERANTISTA PEDAGOGIA SERVO.

## El Ĉeĥoslovakio.

### Problemo de edukado de tuberkolozaj infanoj.

Supre citita problemo estas post la milito ĉiam pli kaj pli aktuala. Oni povas facile konstati en ĉiuj landoj, kiuj estis partoprenantoj je la tragedio, ke infana tuberkolozo kaŭze de malbonaj kaj malsufiĉaj vivkondiĉoj pligrandiĝis. Kion do fari? Certe unue savi vivon al infano kaj poste doni al ĝi lernejan edukadon, por ke ĝi povu esti plenrajta ano de homa societo. Sed ĝuste dum evoluo de tuberkulozo oni konstatas, ke infanoj estas tro frue lacigitaj ne nur per iu fizika laboro, sed ankaŭ per anima laboro, kaj krom tio pensado- kaj spirito-streĉado estas danĝera direkte al ili, helpante al evoluo de malsano. Kiam oni do instruas infanojn, kiel tiujn normalajn, oni ja mortigas ilin; kiam ili estas instruataj tage nur duonon de tempo dediĉita al normalaj estas logika rezulto per pli longa edukado ĝis la 16-a jaro kaj tiam plej parte aliaj jam gajnas monon.

El taksado de fortoj de malsanuloj, oni povas fari 3 grupojn: infanoj kun tuberkulozo progresa; tiuj kun tuberkulozo, kiu ne evoluas sed tamen estas aktiva kaj jenaj kiuj estas jam sanaj, sed malfortaj, elĉerpigitaj post batalo kun malsano.

Grupo unua estas preskaŭ perdita, ĝi bezonas absolutan kvieton en la lito. Ĉambro, kie ili loĝas, devas esti vasta, bone aerumita, nutraĵo devas esti riĉa. Oni malpermesas al ili streĉadon de fortoj, kaj uzas kiel kuracilojn injektojn de franca farmakopeo, kiujn mi uzadas kun plena sukceso. Tiamaniere infanoj post 4—6 serioj povas esti envicigataj en grupo dua, kie ili povas jam legi, kuŝi en libera aero kaj simple ludi, eĉ esti instruataj 1/2 ĝis 1 horon tage. Estas mirinde, kiel tiuj infanoj facile asocias kaj pensas. Tio estas influo de toksinoj de bacilo tuberkuloza je infana nerva sistemo. Instruado devas havi lokon en pura aero aŭ en granda hela ĉambro kaj

**La venonta numero aperos la 15-an de Novembro.**

infano ne devas esti lacigita. Unua signo de tio estas plialtiĝo de vespera temperaturo kaj nokta pli riĉa ŝvitado, kiu elĉerpigas organismon. Jam la sekvantan tagon la infanoj estas pli palaj, perdas humoron kaj apetiton. Tria grupo, savitaj organismoj povas esti instruataj 2—3 horojn tage; ili povas eĉ facile labori ekzemple en ĝardeno, fiŝkapti. Gimnastiko devas esti seninstrumenta kaj bone influas je korpo. Daŭra plialtiĝo de fortoj, de korpa pezo estas bonaj signoj. Precipe dum puberta (seksfortiĝa), ĉe knabinoj ĉirkaŭ 13-a—14-a jaro, ĉe knaboj je 15-a jaro, oni devas zorgeme progresi, ĉar interna sekreciigo de seksaj glandoj signifas revolucion en organismo kaj vekas tuberkulozon el la dormo. Tia estas plano de edukado de tuberkulozaj infanoj en nia instituto, kaj ni faras bonajn sukcesojn.

Originale Prof. D-ro Riedel.

# El Germanio.

## La nova leĝprojekto de la germana regna lernejoleĝo

La regna ministrejo de la internaj aferoj finpretigis la novan leĝproponon por la regna lernejoleĝo kaj estas transdononta ĝin al la partioj aranĝintaj la registaron de la regna parlamento.

La leĝpropono esence diferencanta de la antaŭaj estas organizonta tri egalrajtajn lernejospecojn:

1. La komuna (simultana) lernejo — komuna por infanoj de ĉiuj kredantaroj;
2. La religia (konfesia) lernejo — por infanoj de unu kredantaro (konfesio);
3. La senreligia (laika) lernejo.

La konstitucia leĝo en la prilernejaj ordonoj citas kiel normalan lernejon nur la komunan lernejon, sed permesas ankaŭ la organizon de religia kaj mondpercepta lernejoj laŭ la propono de la edukrajtantoj se laŭorda funkciado de la lerneja laboro estas garantiita.

La religiaj lernejoj estos la evangelia, juda kaj katolika lernejoj. La ĝisnunaj religiaj lernejoj estu plue ekzistontaj sen aparta propono de la edukrajtantoj. Estu postulota, ke la instruado en la fakoj celantaj la religion kaj moralecon sekvu la pricipojn de la koncerna kredo. Se kiomo de 30—40 gelernantoj ekzistas, kies gepatroj postulas lernejon religian aŭ mondperceptan, la organizo de la koncerna lernejo estu permesota. (Do la unuklasa lernejo faros laŭordajn instru- kaj eduk-laborojn!). Tamen estas konsiderata, ke lernejo kun malpli multo da anoj kiel privata lernejo estos ankaŭ permesita.

Leĝo laŭ tiu propono transdonos la lernejon al regado de la Eklezio. (Komparu la artikolon aperintan en I. P. R. n-o 2-3, 1927: „La venonta leĝprojekto de Regna Lernejoleĝo“.) H. Schneller.

# El Hispanio.

## Notoj pri klerigado kaj instruistoj.

La kondiĉoj, sub kiuj devas instrui kaj eduki la laboristoj de klerigado estas hontindaj kaj nesurporteblaj de indaj homoj. Mi mem, vidinte tion de kiam mi estis porinstruista lernanto (1919-22, inkluzive ambaŭ) firme decidis, ne profesori nek ŝtate nek private — per lernejoj. Pro tio motivo

mi ekstudis abiturientecon, por poste fariĝi kuracisto. Tamen mi dediĉas kelkajn horojn ĉiutage al instruado kaj edukado, por iomete helpi miajn pliajn studojn t. e. por gajni kelkajn pesetaĉojn. Sed mi metas kondiĉojn al gepatroj, se la instruoto estas infano. Mi diras, ke mi ne instruos al ili religion, aŭ sanktegan historion, sed nur la ceterajn lernobjektojn (asignaturojn) kaj sciencan moralon universalan senpartian. Se la uloj estas ne infanoj, ili jam ne interesiĝas pri religia afero.

Ĉiuj miaj instruistaj konatuloj, kvankam ili estu reakciaj, la plej multaj ne perlaboras la panon per instruado, sed per tute aliaj rimedoj, plej multe per manaj. Eĉ tiuj, kiuj vere havis fortan inklinon al klerigado, nun ĉiuj klerigadon plej malestimas.

La instruistaro estas aro de malfeliĉuloj — tiuj profesiantaj per lernejoj — pri kiuj eĉ ne decas preskaŭ paroli. Por pesetoj ili kvazaŭ hundiĝas. Ĉio komerciĝas aŭ politikiĝas en Klerigio.

Sennombraj ŝtatinstruistoj ricevas pojare nur 2.000 pesetojn, aliaj 2.500, aliaj 3.000, sumo ĉi tiu lasta, kiu devus esti la minimuma. Poste estas aliaj, kiuj eĉ enspezas 6.000 pesetojn jare.

Sed plej suferantaj estas la privataj instruistoj. Ili tiom abundas, kiuj serĉas laboron pro mizeriĝo, ke per 100,125.150 pesetoj monate. Ili laboras 6 horojn tage kaj 2 horojn aŭ 3 akompanante la infanojn. Kaj plie en vintro ili devas ankaŭ „klasi" (labori en klaso) nokte 1—2 horojn tage. Per la muta kolektado de stratoj paperoj per sako certe oni povas enspezi 200 pesetojn aŭ pli monate. Komparu tiun teruregan situacion de la enurbaj privat-instruistoj! Sed ili ne vikiĝas. En la ŝtataj konkuroj oni bezonas dungi 150 instruistojn, ĉu vi povas imagi, kion da ili prezentiĝas? Respondo: 2—3 miloj da ili! La novaj ŝtatinstruistoj jam gajnas de komence 3.000 pesetojn jare; sed la malnovaj, kiujn oni devigis studi malpli longe (2—3 jarojn) ne povas vivi.

La plemulto da gepatroj ne konscias pri instruado kaj ili tre malofte sendas siajn infanojn al klerigejoj. Kiam la gepatroj kredas, ke ili povas jam ekspluati la gefilojn, tuj ili senkompate laborigas ilin. Ĉi tiuj iras malofte nokte al la lernejo dum vintro (vintraj kursoj vesperaj); sed en urboj tio estas ja danĝera, ĉar ili tre baldaŭ prostituiĝas aŭ malvirtiĝas pro malbona primensa zorgo de besta gepatraro, senscia, sed servuteca al pesetaĉoj.

En Hispanio estas proksimume 26 000 lernejoj. La nuna registaro „ŝajnas" ke ĝi multe interesiĝas pri ili kaj edukado.

Per alia artikolo mi klarigos pri la registaraj, akademiaj kaj konstituciaj „rimedoj", kiuj pendas kvazaŭ Damoklesa glavo super la instruistoj, se ili ne blinde obeas, aŭ se ili sentas sin iom indaj, amaj al homaro, aŭ sentas malemon kontraŭ maljusteco. Tiu, kiu volas vivi nur por si, trankvile plenumi sian „devon" en ŝtat-lernejoj, eĉ feliĉe vivas. Ĉie, ĉu en klerigado, ĉu en alia afero, la indaj homoj de la morgaŭo tre ruze, tre diplomate devas labori, se ili volas daŭrigi sian oficadon (t. e. vivi) kaj iom plenumi la konsciencajn devojn.

Kiam ni komparas nunon kun nia grandioza morgaŭo, ni ĉiam suferas, ĉar ni sentas amon grandegan al homaro suferanta, por ĝin liberigi el multspecaj katenoj, kiuj ligas ĝin ĉie kaj ĉiam. Kiam venos nia Libero, por dediĉi niajn ĉefajn fortojn al esploro de la tuta vero? Sed kiom malfeliĉa estas la laboranta homaro, kiu ankoraŭ devas konkiri — eĉ honton mi sentas diri tion — la ekonomiproblemon, kiu estas unua paŝo por la

„Novega Historio de la Investigacio (esplorado) pri la Vero el Ĉio“; sed homaro ankoraŭ devas trapasi definitive la nunan epokon pri „spirita kaj korpa sklavecoj“ pro nesolvo de ekonomiproblemo! Sed ni studu kaj laboru!

Sennaciulo 357.

## Hispana lernejo, pastraĉa stultigejo.

Laŭ leĝoj de 1857, kiuj ankoraŭ ne estas modifitaj — oni legu apartaĵon 295, kiu tekstas jene — „La aŭtoritatuloj civilaj kaj akademiaj devas zorgi pri tio, ke en ĉiuspecajn edukejojn kaj instruejojn, ĉu registarajn, urbajn aŭ privatajn, (lernejoj, gimnazioj kaj universitatoj) povu eniri tute libere la prelatoj (ekleziuloj) por ke tiuj ĉi konservu la purecon pri la kredo krista katolika kaj pri la moroj kaj pri religia edukado al la junularo“. Tial laŭleĝe neniu rajtas neuzi religion en ĉiaspecaj instruejoj kaj edukejoj. Kompreneble antaŭ la alveno de la nuna diktaturaĉo, preskaŭ neniu estis severe persekutata pro ne-aborto al la leĝo; sed nun oni volas plene apliki ĝin laŭ decido de ministraro per „reĝa ordono“ altrudante instrulaboristaron per apartaĵo (artikolo) 170 el leĝo de la 9-a de Septembro de jaro 1857 pri punoj tiaokazaj (eĉ dekjara enkarcerigo)

1. Ke la universitataj rektoroj kiel inspektoroj de ĉiuj publikaj kaj privataj klerigejoj, ke tiuj ĉi klerigejaj inspektoroj kaj la inspektoroj de unuaŝtupaj lernejoj vigle atentegu pri la doktrinoj kontraŭsociaj aŭ celantaj malunuecon de la patrio, kiujn instruistaro kaj profesoraro el la tuta regno (unuaŝtupaj, gimnaziaj kaj universitataj institucioj) povus dissemi al la lernantoj ĉe iliaj klasoj aŭ persone al iuj lernantoj. Tiaokaze oni tuj faru la oportunan informadon al superuloj, maldungante la instruanton samtempe; kompreneble se la pruvoj estas sufiĉaj.

2. La unuaŝtupaj inspektoroj dum la vizitoj, kiujn ili faros, esploros skrupule la tekstajn librojn kaj se ili ne estas skribitaj hispanlingve, aŭ se ili enhavus doktrinojn kaj tendencojn kontraŭajn al patruja unueco aŭ kontraŭ la bazoj, kiuj estas la fundamento de nuna sociordo, ili alprenigos tujege ilin el la manoj de infanoj kaj maldungos la instruiston kaj sciigos al moŝto ministro de Publika Klerigado pri okazintaĵoj.

3. Tute same ili faros ĉe privataj lernejoj, fermante kaj sigelante ilin, se en ili estas trovataj libroj menciantaj doktrinojn aŭ tendencojn neakceptatajn de nuna reĝimo kaj samtempe sciigu tion al ministra moŝto.

4. Ili ankaŭ ekzamenos infanojn pri eduko kaj instruo, kiujn ili ricevas de la instruisto kaj se ili rimarkas iun malintegrecan instruon kaj edukon (ekz.: se oni ne instruas religion, Sanktegan historion . . .) ili ankaŭ plej akre kaj severe agu.

5. En cititaj vizitoj nepre sciiĝos la inspektoroj pri la konduto, kiun la instruistoj posedas kaj se ili observas gravan mankon (ne viziti meson . .), kiu estus malbona ekzemplo en la loko, vilaĝo . . . aŭ se oni scius, ke la instruisto sin fordonas al propagandoj kontraŭpatriotaj, sennaciecaj aŭ celantaj la renerson de nuna, dia sociordo, ili tuj agos konsekvence.

6. La inspektoroj estas respondecaj persone pri la plenumo de la antaŭantaj reguloj, konsiderante kiel malbonaĵon treege gravan, se ili ne plenumas laŭlitere (tute).

7. Estos ankaŭ respondecaj, laŭ la aŭtoritata grado, la aliaj akademiaj aŭtoritatuloj, al kiuj estas fidataj la inspektaj laboroj por la malbonaĵoj,

kiuj povas esti farataj de profesoroj dependantaj de ili, se ili ne korektas tujege plej severe la subulojn, avertante ĉiam al ministra moŝto tuje.

Dio gardu vian moŝton (ministro da publikinstruo) dum multaj jaroj. Madrid, 13-an de Septembro 1925 — Miguel Primo de Rivera y Orbaneja.

Sennaciulo 357 (estas SAT-ano, kies nomo kaj adreso estas troveblaj sur la SAT-jarlibro.

# Faka kunveno de geinstruistoj dum la XIX-a U. K. de E. en Danzig.

La fakan kunvenon kunvokis TAGE. Ĝi okazis la 29-an de Julio je la 15-a en Perti-lernejo. Ĉeestis 31 gekolegoj. Prezidis: Albin Neužil, lernejestro, Olomouc-Neředin; protokolis: Karl Kröber, Riesa.

K-do Neužil malfermis la fakan kunvenon kaj salutis la ĉeestantaron je la nomo de TAGE.

1. K-do Neužil raportis pri TAGE kaj I. P. R. Li anoncis, kiom da membroj ekzistas en diversaj landoj kaj varbis novajn membrojn. Li laŭdis precipe la bonan organizon de la saksa geinstruistaro, kies estro k-do Hahn ĉeestis.

2. K-do Neužil raportis mallonge pri la Pac- kaj TAGE-kongresoj en Praha 1927 kaj rekomendis la artikolojn en la lastaj n-oj de I. P. R., kiujn li disdonis.

3. K-do Hahn (Gohlis-Dresden) pritraktis en interesa parolado la temon: Instruado de geografio per esperanto. — K-do Neužil raportis pri siaj spertoj en tiu ĉi fako.

4. K-do Neužil raportis pri la ceteraj gravaj entreprenoj de geinstruistoj: Tutmonda Lerneja Servo, Tutmonda Esperantista Pedagogia Servo, Esperanto-Junularo. Li rekomendis organizi kaj subteni ĉi tiujn entreprenojn.

S-ro T. A. Koziara, seminaria direktoro el Leśna Podlaska-Polujo rekomendis por I. P. R. specialan anguleton pri la aktualaj novaĵoj pedagogiaj en ĉiuj landoj, organizon de la rondeto de kunlaborantoj. K-do Neužil respondis, ke tiu jam ekzistas kaj invitis s-on K. al kunlaboro.

Fine oni decidis pri la temo pritraktota dum la venonta U. K. de E. Helpo de Esperanto ĉe la reformo de la historia instruado — proponis k-do Hahn. K-do Neužil rekomendis, ke ĉiuj gekolegoj preparu kaj prilaboru lernolibrojn pri geografio kaj kulturhistorio de sia lando en esperanto.

La prezidanto dankis al la ĉeestintoj kaj fermis la kunvenon. Ano.

# SAT-Kongreso en Lyon (Aŭg. 1927).

## Fakkunsido de la edukistoj.

Ĝin malfermis kaj prezidis k-do. Boubou el Orléans. Ĉeestis dudeko da geinstruistoj.

1. **Edukista SAT-sekcio.** Oni decidis kunigi la SAT-anojn edukistajn en faka sekcio en celo ligiĝi pli sisteme al klasbatalaj organizaĵoj edukistaj kaj pli grandskale servi al ili. Kiel membroj de Gvida Komitato de tiu ĉi sekcio estis proponitaj: k-doj Van Aelst (Belgio), Stay (Britio), Laquet (Francio), Klys (Sovetio), Sarafov (Bulgario), Bonte (Germanio), K-dino Osmond (Britio), Klaĝin (Usono), Sinpak (Ĉinio) kaj japana kamarado (japanaj Satanoj proponu iun). Aliĝojn oni sendu al k-do Boubou, 96, rue Saint-Marceau, Orléans, (Loiret), Francio.

2. **Sennacieca Revuo eduka serio.** La Gvida Komitato de l' Edukista SAT-sekcio funkcios ankaŭ kiel gvida komitato de la eduka serio de S. R., kiu ekaperos verŝajne en Novembro (trimonate). Estas elektitaj kiel redaktoroj de l' eduka serio k-doj Mark Starr (Britio), Zilberfarb (Sovetio), Boubou (Francio) kaj k-do Célestin Freinet (Francio) kompetenta pedagogo pri la eduka tekniko, konata pro siaj verkoj kaj laboroj en Eduk-Intern. Rubrikaran programon de k-do Zilberfarb oni akceptas. Tiel, la S. R. eduka serio estos nur klasbatala kaj neniel konkurencos Internacian Pedagogian Revuon; ĝi estos redaktata laŭ populara formo, enhavos rubrikojn por ne fakedukistaj proletoj, por gepatroj, por junuloj kaj estos facile legebla fruktodone de ĉiuj SAT-anoj. La gazeto enhavos modelan porinfanan klaskonscian rakonton kaj specialan paĝon pri Instrulaborista Internacio sub kontrolo de pedagogia sekretario de tiu ĉi organizaĵo.

3. **Interŝanĝa oficejo** estas kreata. Jam delonge SAT-edukistoj peradas interŝanĝon de edukistoj kaj lernantoj (studentoj) el diversaj landoj kaj ankaŭ de pedagogia materialo (geografiaj poŝtkartoj, scienc-instruaj objektoj, lekciaj tekstoj). SAT-anoj uzu mem kaj diskonigu nian servon por profitigi ne-esperantistajn k-dojn. Petoj por interŝanĝo de personoj dum libertempo okazu ĉiujare antaŭ majo, oni sin turnu al k-do Boubou; pri interŝanĝo de materialo sin turnu al k-do Varene, Valgorge, Ardeche (Francio). Tiu servo kunlaboras kun la Tutmonda Lerneja Servo Esperantista.

4. **Rilatoj kun TAGE kaj IPR** estis serioze pritraktitaj. Kvankam ne starante sur klasbatalo, TAGE (Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj) pro sia bazo rigore pacema kaj progresema estas konsiderita kiel varbejo por SAT. Oni rekomendas daŭrigi la interŝanĝon de annoncoj en Sennaciulo kaj Internacia Pedagogia Revuo (organo de TAGE), rekomendas al SAT-instruistoj aboni I. P. R. (faka teknika revuo simila al „Interligilo de P.T.T.) supozante ke I. P. R. rekomendos abonon al Sennacieca Revuo (ĉiuj serioj). Oni konstatis, ke nuntempe estas tute ne eble aboni iun serion fakan de S. R aparte.

5. **La SAT-edukistoj** estas insiste petataj kunlabori per sendo de dokumentoj kaj artikoloj al:

a) Tutmonda Esperantista Pedagogia Servo (TEPS), kiu de du jaroj per sia monata informilo senpage sendata al ĉiu kunlaboranto, dokumentizas la avangardajn edukistajn gazetojn (adreso de k-do Boubou).

b) al: Redakcio de „Vojo de Klerigo", kiu eldonas ĉiumonate esperantolingvan resumon tre valoran, kiun petu ĉiu SAT-edukisto ne ĝin ricevanta, adreso: Spartakovski per., 3, Ĥarkov (Ukrainio).

c) al: Oficejo por Informado kaj Kulturrilatoj kun Eksterlando de Ŝtata eldonejo Ukrainia (sama adreso en Ĥarkov), kiu alvokas la SAT-anaron por bibliografia kunlaboro. (Vidu artikolon sur Sennaciulo.)

Oni decidis reorganizi tradukservon pri resumo de „V. de Kl." kaj per letero danki tiun redakcion tial, ke ĝi uzis esperanton kiel teknikilon por siaj internaciaj rilatoj.

## 17-a Germana Esperanto-Kongreso 1928.

Por la germana Esp.-kongreso pentekoston 1928 en Potsdam eldonatiĝos kongreslibro, enhavonta ĉiajn oficialajn sciigojn aŭ ediktojn pri Esperanto kaj ĝiaj rilatoj al la diversaj fakoj (instruado, komerco, fervojo, interkomu-

nikiĝo, polico ktp.). Pro tio mi kore petas ĉiujn tiujn el vi, kiuj povas havigi al mi la komercajn ediktojn, ilin diligente kolekti kaj prespretaj sendi al mia suba adreso kiel eble plej baldaŭ. Per tiu kolektiva verko estos certe interese, komparila opinion de la unuopaj registaroj laŭ iliaj rilatoj al Esperanto. — Al ĉiuj kunlaborantoj jam antaŭe koran dankon!

Max Heinrich, Potsdam (Germanujo), Sigismundstraße 10.

## ATENTU GESAMIDEANOJ!

**TUTMONDA LERNEJA SERVO prizorgas la interŝanĝon de adresoj por INTERNACIA INFANKORESPONDADO. Sendu kaj postulu adresojn de korespondemaj geinfanoj!**

**Tutmonda Lerneja Servo.**
**Administranto: Richard Müller, Auerbach i. Vo. Gabelsbergerstr. 2 (Germanujo).**

## Internacia Esperanto-Servo.

**40 jaroj de Esperanto.** La naskiĝurbo de la aŭtoro de esperanto, Bialystok en Polujo, samkiel diversaj aliaj urboj en eksterlando, jam baptis stratojn je nomo de D-ro Zamenhof aŭ de Esperanto. La ban-urbo Zoppot (proksime de Danzig) ĵus nomis straton kaj placon en kvartalo, tre frekventita per eksterlandanoj laŭ Esperanto. Sur la „Placo de Esperanto“ la partoprenintoj de l' XIX. Universala Kongreso de Esperanto de Danzig laŭ invito de la Konsilantaro de l' urbo de Zoppot plantis kverkon je memoro de l' 40-a datreveno l' apero de la internacia helplingvo Esperanto.

**Radio kaj Esperanto:** Printempe la baltaj stacioj enkondukis Esperanton en sian programon. Depost tiam la stacioj de Cleveland (14. Marto), Oslo (23. Junio), Praha (Paskon) kaj Minsk (Ruslando, ĉiulunde) disaŭdigis esperante.

**La turismo kaj Esperanto:** Lasttempe turistaj eldonoj kaj gvidlibroj en Esperanto aperis pri Brno (Ĉeĥoslovakio), Cheltenham-Spa (Anglujo), Dordrecht (Nederlando), Dresden (Germanujo), Torquay (Anglujo), kie la Turismaj Oficejoj uzas tiun ĉi lingvon, por diskonigi al la eksterlando la allogaĵojn de tiuj urboj.

**La foiroj kaj Esperanto:** La foiro de Frankfurt anoncas la baldaŭan aperon de Var-vortaro en Esperanto kun traduko en germana, angla, franca, hispana kaj itala lingvoj.

La foiro de Budapest, jam aperiginte diversfoje prospektojn kaj afiŝojn en Esperanto, okaze de la lasta foiro havis specialan Esperanto-standon Esperanto-interpretisto tie estis je la dispono de la eksterlanda vizitantaro, por doni al ĝi en tiu ĉi lingvo ĉiun deziritan informon.

**La hoteloj kaj Esperanto:** Precipe en la hotela servo Esperanto jam faras praktikajn servojn. En Budapest kelkaj hoteloj komencis afiŝi en siaj ĉambroj avizojn kaj regularon kun traduko en Esperanto.

Pro la Universala Kongreso en Danzig la tieaj hoteloj faris la saman.

**La saksa geinstruistaro kaj Esperanto:** Saksujo estas la centro de l' germana Esp.-movado. Esperanto estas tie enkondukita fakultative aŭ devige en grandan nombron da lernejoj. Lasttempe 96 saksaj geinstruistoj faris la Esp.-ekzamenon en la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko en Leipzig, kiu funkcias sub la aŭspicioj de l' germana ministerio de internaj aferoj.

## Publika Konferenco „Urbego kaj Edukado“

### de la Ligo de Decidaj Lernejreformanoj de 30. Sept. ĝis 4. Okt. 1927 en Berlin, Bürgersaal des Schönberger Rathauses.

Vendr., 30. Sept. 19½ h.: Malfermo, publika kunveno: „La moderna urbego operigejo de la popolo“. Ĝis nun anonciĝis jenaj parolontaj: M. d. R.

Clara Bohm-Schuch, Felix Fechenbach, pastoro Hans Francke, Dr. med. Martin Gumpert, M. d. R. Ernst Lemmer, M. d. R. Dr. Marie Elisabeth Lüders, Bruno Schönlank, Henny Schumacher, studkonsilisto Dr. Otto Tacke, urbkonstrukonsilisto Dr. Martin Wagner.

Sabate, 1. Okt.: „La urbego kiel fakto kaj problemo".

1/29 h.: 1. Popolaltlerneja direktoro Dr. Paul Honigsheim-Köln: „Urba kulturo kaj urba ĥaoso". — 2. Ilse Müller-Oestreich, Berlin: „Ekstera vivformado". — 3. Bruno Schönlank: „La urbeg-animo". — Diskuto!

1/215 h.: 4. Dr. Siegfried Bernfeld-Berlin, studkonsilisto Lydia Stöcker-Berlin, instruistino Lotte Behncke-Berlin: „La urbega junularo".

20 h.: Publika kunveno: „La familiĝarden-dometarego de la estonteco — ejo de popolkulturo." — Ĝis nun anonciĝis jenaj parolontaj: M. d. R. Bohm-Schuch, Freda Marie Gräfin z. Dohna, Dr. Paul Honigsheim, Viktor Noack, Paul Oestreich, M. d. R. Toni Pfülf, Prof. Dr. Ludwig Quidde, Prof. Dr. Reinhard Strecker, lernejkonsilisto Erich Viehweg, urbkonstrukonsilisto Dr. Martin Wagner, regist. konsilisto Otto Albrecht.

Dimanĉe, 2. Okt.: „La urbego kiel postulo".

9 h: 1. Studkonsilisto Martin Weise-Dresden: „La urbego kiel kulturpotenco" 2. Urbkonstru-konsilisto Dr. Martin Wagner: „Formado aŭ malestigo de la urbego? — 3. Dr. Waldemar v. Grumbkow-Breslaŭ: „Ekonomio kaj urba kulturo". — Diskuto!

15 h.: 4. Lernejestro studkonsilisto Herrmann Harless, Südstrand-Föhr: „Geedzeco kaj familio". — 5. Dr. med. Fritz Kühnel-Berlin: „Saneco kaj urbego". — Diskuto!

Lunde, 3. Okt.: „Edukado de la urbano".

9 h.: 1. Studkonsilisto Dr. Otto Tacke-Stettin: „Infaneteco kaj elementara lernejo". — 2. Superstudkonsil. Dir. Dr. Wilh. Ganzenmüller-Breslaŭ: „La elasta unueca lernejo". — 3. Dr. L. E. Tesar, Dir. de la „Liglanda Edukejo" en Wiener Neustadt: „Produktiva edukado". — Diskuto!

15 h.: 4. Lernejkonsil. Erich Viehweg-Löbau i. S.: „Junularhelpo". — 5. Prof. Dr. Reinhardt Liebe-Freiberg: „Klerigo de plenaĝuloj". — 6. Paul Oestreich-Berlin: „Eduko kiel religiemigo". — Diskuto! — Finparoloj.

Marde, 4. Okt.: „Vizitadoj kaj gvidadoj": Ĝardendometarego Britz, Gehag-Siedlung, (ĝardendometaro), kampedukejo Struveshof, edukejo Lindenhof, infankamphejmo Gütergotz, „Verda domo" en Tegel, fabriklernejo de A. E. G., domo de la firmao Ullstein, sindikata domo de la asocio de libropresistoj, Sarotti, Werner-fabriko, Osram-fabriko.

Kotizoj: por ĉiu de la 9 konferencsekcioj: 3 antaŭ- kaj posttagmezoj, 2 vesperoj, 1 vizittago po 1 marko, por membroj kaj junuloj 0,50 gm., kompleta bileto 7.— gm., por membroj kaj junuloj 4.— gm. Aliĝo kaj mendo ĉe instruisto Albert Lenz, Berlin O. 17, Hohenlohestr. 9, poŝtĉ. konto Berlin 19349 por „Bund Entschiedener Schulreformer".

## III-a Germana Komitato
### por internaciaj-pedagogiaj aferoj
(„Dafipa" — ekstrakto.

Sekve al la pedagogiaj rezolucioj de la 23-a internacia packongreso en Berlin, Oktobre 1924, kaj por efektivigi ilin, la „Asocio de decidaj lernejreformanoj", komisiite de la „Germana Packartelo", formis sub la prezideco

de prof. Paul Oestreich, Berlin-Friedenau, kaj lernejkonsilisto Dr. Appens, Dortmund-Hörde, komitaton kun la supre citita nomo. Ĝi disdonu la taskon de la interŝanĝo de konoj kaj spertoj en la pedagogia laboro por la novkonstruo en la diversaj landoj kaj inter la landoj laŭ materioj tiamaniere, ke eksterlandaj pedagogoj pli facile ol ĝis nun povu sin turni tuj al la ĝusta loko aŭ personoj en Germanio, se ili por orientado aŭ praktika kunlaboro je certaj punktoj deziras interrilati kun la germana edukistaro. La komitato laboras kune kun la „Germana Ligo por Homaj Rajtoj", la „Germana Ligo por la Ligo de Nacioj", la „Internacia Laborrondo por Renovigo de la Edukado", de la „Mondjunularligo" kaj aliaj organizoj kaj akcelas amikan kompletigon kaj labordividon kun ĉiuj pacifistaj organizaĵoj de la en- kaj eksterlando.

Publikiga organo de „Dafipa" estas „La Nova Edukado", Hensel u. Co., eldonejo, Berlin NW 7, Georgenstr. 46 a.

En la komitato la materioj estas nuntempe jene disdonitaj (mallongigite); oni petas, sin turni pro demandoj kaj informoj, koncernantaj la „Dafipa", al la taŭga adreso:

Lernejokonsil. Dr. W. Appens, Dortmund, Kaiserstr. 681: Internaciaj instruplanoj.
Studkonsil. Otto Bonte, Frankfurt a. M.-West, Robert Mayerstr. 31-II: Esperanto.
Porprofesilerneja instruisto Franz Brunner, München, Fuggerstr. 2-II: Porprofesilernejaj aferoj.
Instruisto Ewald Dahlke, Spandau-Haselhorst, Gartenfelder Str.: Korpa kulturo, ritmiko.
Landjuĝeja direktoro Dr. Gerhard Danziger, Berlin-Lankwitz, Waldmannstr. 21: Intern. lerneja kaj lernantara juro.
Studkonsil. Peter Engel, Worms, Speyerer Str. 51: Italaj lernejaj aferoj.
Studdirektorino Dr. Susanne Engelmann, Berlin O. 27, Ifflandstr. 11: Knabinlernejaj aferoj.
Instruisto Otto Feige, Neugersdorf i. Sachsen, Jakob Böhmestr. 9.: Infanteatro, gepatrojedukadkomunumo.
Instruisto Friedrich Gerdes, Viktorbur en Ostfriesland: Kampara pruduktiva lernejo kaj laborlerneja ĝardeno.
Superstuddirektoro i. R. Dr. Ernst Goldbeck, Berlin NW. 21, Wilsnackerstr. 66-II: Junularpsikologio.
Instruisto Jakob Hermann, Köln a. Rh., Am Zuckerberg 9: Popollerneja movado.
Urba kuracisto Dr. med. Max Hodann, Berlin NW. 23, Klopstockstr. 32: Lerneja kaj lernantara higieno.
Instruisto Wilhelm Hoepner, Berlin O. 34, Boxhagener Str. 13: Porinstruista Klerigado kaj juninstruistaraj aferoj.
Dr. Alfred Ilgner, Berlin-Steglitz, Paulsenstr. 39: Kampedukad-hejmoj kaj liberaj lernejoj.
Studkonsil. Dr. Heinrich Müller, Berlin-Grünau, Buntzelstr. 13; studkonsil. Lydia Stöcker, Berlin-Friedenau, Offenbacher Str. 5; studkonsil. Dr. Erich Witte, Berlin SW. 47, Dreibundstr. 16: Reformo de la historiinstruado.
Superstudkonsil. i. R. Dr, Karl Müller, Potsdam, Eisenhartstr. 24: Folkloro, intern. legkaj lernlibroj.
S-ino Ilse Müller-Oestreich, Berlin-Friedenau, Menzelstr. 1: Infano, ludilo kaj edukado.
Instruisto Max Nitzsche, Hellerau a. Dresden: „Provlernejoj (Versuchsschulen) en Germ.
Prof. Paul Oestreich, Berlin-Friedenau, Menzelstr. 1: Internaciaj Kongresoj.
Dr. phil. Elisabeth Rotten, Kohlgraben a. Vacha-Rhön: Provlerneja movado.
Instruisto Josef Rudolf, Bretzenheim a. Mainz: Pacifista-pedagogia movado.
Superstudkonsil. Dr. Erich Schönebeck, Berlin O. 17, Koppenstr. 76: elektado de gelernantoj, transiro de la fundamenta lernejo al la supera lernejo. Germana kaj fremda literaturoj.
Instruisto Willy Steiger, Hellerau a. Dresden, Am grünen Zipfel: Lernigado per la vivo.
Studkonsil. Lydia Stöcker, Berlin-Friedenau, Offenbacher Str. 5: Gelernant- kaj geinstruist-korespondado.
Prof. Dr. Reinh. Strecker, Berlin-Hessenwinkel, Ahornstr. 9: Abstinenceco kaj edukado.
Redaktoro Emil Dittmer, urbkonsil. en Berlin-Kreuzberg (sekcio por popolklerigado kaj junularflegado), Berlin SO. 33, Schlesische Str. 42: Sindikatoj, Produktiva lernejo, popolklerigadaj aferoj.
Ministeria konsil. a. D. Albert Falkenberg, Berlin-Friedenau, Wilhelmhöher Str. 29-II: Sindikata geoficista movado kaj geinstruistaro.

Lernejkonsil. Paul Hoffmann, Wolgast (Pommern), Lange Str. 3: Popollernejo, Popolŝtato, Kulturproblemoj.
Punejo-instruisto Fritz Kleist, Breslau 17, Klodnitzerstr. 35: Punplenumado je junularo kaj reformo de la punplenumado.
Dr. Fritz Könekamp, estro de la germana lernejo, Sevilla en Hispanio, colegio aleman, Calle Montevideo: Pedagogia reformo (kultura kaj sociala statoj) sur la Ibera duoninsulo.
Cand. phil. Rudolf Küstermeier, Bielefeld, Zastrowstr. 24: Germana gestudentaro, altlerneja politiko, gestudentaro kaj Pacifismo.
S-ino Helene Leroi, Heidelberg, Landfriedstr. 8: Internacia infan- (vizit-) interŝanĝo.
Instruisto Max Palm, Mengede-Nette a. Dortmund, Melanchthonstr. 18: Laika lernejo.
Prof. Dr. Ludwig Quidde, Berlin SW. 68, Zimmerstr. 87-IV (Germana Pac-Asocio): Histori-scienco kaj Pacifismo.
Studdirektoro Prof. Georg Schümer, Magdeburg, Gr. Steinernetischstr. 3: Religio, etiko kaj internacia edukado.
Dr. Hans Wehberg, eldonanto de „Friedenswarte", Berlin NW. 40; Calvinstr. 10: Internacia juro kaj Pacifismo.
Charles H. Williams, ĉefsekretario de „World Federation of Education Associations, 101 Jesse Hall, Columbia, Missouri USA.: Usona lernejaro kaj altlernejaro.

# Edukado dum antaŭlerneja aĝo.

Karaj gekolegoj! Se por vi estas interesa sciiĝo pri edukado de niaj infanoj dum antaŭlerneja aĝo, kaj se vi opinias, ke estas necese, edukigi la sent-organojn en niaj infanoj plej frue kaj ebligi al ili, vivi socie, bonvolu skribi al mi kaj respondi miajn demandojn! Poste mi kelektos materialon por verki artikolon por I. P. R. pri edukado de niaj infanoj dum antaŭlerneja aĝo en ĉiuj landoj.

1. Nomo de viaj edukejoj por antaŭlerneja aĝo. (Infanaj ĝardenoj, patrinaj lernejoj . .).
2. Kiom kaj kiel disvastigitaj estas tiuj ĉi edukejoj?
3. Kiu fondas kaj donas vivrimedojn al ili? (Registaro, societoj, privataj personoj. . .).
4. Kiun celon ili sekvas?
5. Kiom da infanoj vizitas ilin? Kiom da infanoj por 1 edukistino? Aĝo de la geinfanoj?
6. Vivo en la edukejo dum 1 tago? (Po-hore, tagordo).
7. Programo: a) laborokupadoj (materialo kaj horoj)? b) ludoj (kiaj? popolaj aŭ artefaritaj? Horoj, dediĉitaj al ili?) c) Ekskursoj? (Kien? Kiom da horoj?).
8. Manĝado? (Kia? Kiu donas rimedojn?).
9. Mebloj? (Apartaj? Kolektaj? Formo!) Korto por ludo?
10. Tempo por jarokupoj? Por tagokupoj?
11. Ĉu oni aplikas punojn? Kiajn? Rekompencojn? Kiajn?
12. Kiel rilatas al ideo de socia antaŭlerneja eduko: 1. gepatroj? 2. registaro?
13. Aliaj informaĵoj, kiuj al vi ŝajnas necesaj?
14. Se antaŭlerneja socia edukado ne ekzistas, kiamaniere oni solvas la problemon de plej frua edukado de la infanoj?

Respondojn adresu al: Bazyli Doroszenko, Pocztowa 28, Krzemieniec, Polska. (Polujo.)

# DIVERSAĴOJ. Jarabono 1928.

Denove ni atentigas vin, ke vi tre bone povas akceli la propagandon, se vi tuj en komenco de la nova jaro aŭ eĉ jam fine de la kuranta jaro renovigas vian abonon kaj membrecon. Dum 1927 la anaro de TAGE kreskis je 20%, la abonantaro de IPR je 10%. Se komence de 1928 tuj pagas 500 el niaj nunaj abonantoj, niaj fortoj liberiĝas por proksimigi nian movadon al 700 en 1928 per vigla propagando. Per malpreciza pago vi lamigas niajn fertojn kaj tiras ilin for de gravaj propagandaj laboroj inter institutoj kaj asocioj de la ne-esperantista instruistaro.

**Do, bonvolu tuj sendi renovigon de via membro-abono!**

Pri specialaj donacoj — sekve de la tre malalta tarifo — danke akceptataj, ni publike kvitancos en I. P. R.

## Kion enhavu I. P. R.

Tre grave por la redakcio estas ekscii la dezirojn kaj opinion de la abonantoj pri la gazeto. K-o Prapuolenis-Litovio deziras trovi materialon pri geinstruita vivo, salajro, pensio dum malsano kaj maljuneco, instruistaj organizacioj kaj iliaj celoj, uzataj metodoj, ŝtataj leĝoj por lernejoj ktp. Ni konstatas, ke tiuj deziroj egalas tiujn de la redakcio, kaj petas la ŝatatan legantaron, sammaniere esprimi dezirojn kaj mem helpi al efektivigado de la belegaj projektoj per vigla materiala kunlaboro kaj disvastigo de I P. R.

## Akciuloj.

Laŭ nia promeso IPR devas repagi al vi fine de 1927 la akciojn. 8 gekolegoj parte aŭ tute donacis la akciojn al IPR, al 8 aliaj ni repagis jam la akcion. Restas ankoraŭ ŝuldo de 364.90 M al 61 gekolegoj. Tuja repago de la tuta sumo tro ŝarĝus nian gazeton por 1928. Pro tio mi petas vian konsenton por jena solvo: 1. Ĉiu akci-n-o dividebla per 3 (la akcio-n-on vi trovas aŭ sur via akcibileto aŭ en la oficiala kvitanco de la gazeto) estu konsiderata kiel kotizpago por 1928. Kiu el tiu serio deziras tiun manieron, skribu tion poŝtkarte ne al iu alia kasisto sed al la subskribinto. La reston de via akcio ne kalkulos por la jaro 1929.

2. La aliaj du serioj (n-oj ne divideblaj per 3) estu prokrastataj ĝis fino 1928.

3. Kiu tamen pro iu ajn kaŭzo nepre tuj bezonas sian akcimonon, bonvolu skribi al la subskribinto.

4. Kiu deziras donaci parton de la akcio al IPR, destinu la akcion kotizpago por 1928 kaj la reston donaco.

5. Per donaco de tuta akcio al IPR vi plej bone helpas likvidon de la akcio-afero. IPR konsideros sian devon, rekompenci tiujn donacintojn unu post la alia per senkosta jarabono.

Vian afablan konsenton al tiuj proponoj petas M. Goldberg.

## Alvoko al geinstruistaro de l' tutmondo!

Ĉiam ni parolas pri uzeco de Esperanto en instrua laboro, sed kiam ni komencas la laboron, ni ne vidas la rezulton. Nun Esperanto povas multe helpi en unu el plej gravaj laboroj de l' ĉiu lernejo. Niaj lernejoj ne multe povas helpi al naturaj kabinetoj (naturinstruado) per grandaj sumoj, ĉar ĉiu lernejo havas multe da aliaj elspezoj. Tial mi deziras priparoli la organizadon de la Internacia Natursekcio ĉe TAGE, por helpi la lernejojn de l' tuta mondo, interŝanĝi naturaĵojn (kolektaĵoj, ekzemplaĵoj, sekaj floroj, folioj, k. t. p.) kaj nun mi organizas la unuan sekcion de Naturlernservo en Smolensk. Geinstruistaro, kiu deziras helpi en ĉiu laboro aŭ ekscii pri ĝi, petu informojn de Leu Genŝaft, Smolensk, Nikolskaja str. 3 lg. 2, Sovet-Unio. — Per Esperanto per interŝanĝo de diversaj lernejlaboroj ni helpu la laborojn de aliaj diverslandaj lernejoj! Do antaŭen! Memoru la devizon: Esperanto servu al geinstruistaro de l' tuta mondo! Leu Genŝaft.

## Saksaj gekolegoj.

Vi ricevis poŝte kaj per tiu ĉi numero de I. P. R. porstatistikan karton. Prizorgu la gravan aferon hodiaŭ kaj ne prokrastu la resendon de la karto.

Esperanto-Asocio de Saksaj Geinstruistoj
Walter Hahn, Gohlis-Dresden, Post Cossebaude.

# Libroj • Broŝuroj • Ricevitaj gazetoj

**E. Izgur, je la nomo de l' vivo.** — Filozofi-lirikaj fragmentoj. Enkondukita de E. Lanty — Eldonfako de S. A. T., Colmstr 1-III, Leipzig O. 27. — Tiu ĉi bonstila libro meritas la plej vastan disvastigon Per varmaj vortoj la aŭtoro kondukas la legantaron tra la suferad movado de la laboranta kaj malgraŭ tio aŭ krom tio en katenoj ĝemanta homaro. Tiu ĉi verkaĵo ne manku en la biblioteko de ĉiu klaskonscia kaj klasbatalanta homo.

**A B C de Esperanto** (por Japanio) de Yoshi H. Ishiguro, komitatano de TAGE, Tokio, Koojimachi P. O Box 1. — 40-paĝ. broŝuro. Prezo: 2 resp. kup.

**Bulgara Esperantisto.** — Bonan kolekton de interesa legmaterialo vi trovos en la VII-a jarkolekto, redaktita nur en Esperanto. La tuta volumo — 10 numeroj — estas sendata kontraŭ 1 sv. fr. de la Bulgara Esp.-Asocio, Sofia, Car Boris 69.

**Enkondukilo** en la fundamentajn regulojn de la mondlingvo Esperanto. — Esperanto-Junularo, A. Neupert, Wedellstr. 17, Leipzig N. 23, Germ. Estas tre bona ilo por la Esp.-instruado, kiun oni povas varmege rekomendi al ĉiuj Esp.-instruistoj kaj kursgvidantoj. Sur la maldekstra paĝo troviĝas la presita Esp.-teksto, el kiu la lernanto facile povas diveni la ĉefajn regulojn, la dekstra paĝo estas libera, por ke la lernanto enskribu tie ĉi nacilingve la divenitajn regulojn. La prezojn vi ekvidos el la aparta anonco en la sama numero.

**Internacionalstenografio.** — Sistemo de stenografio internacia por ĉ i u j lingvoj: Gvidilo en Esperanto de F. de Kunovski — Eldonejo: Instituto de Internacionalstenografio Essen-Ruhr, Lübecker Str. 63, Germanujo — La malgranda broŝuro enkondukas sur 8 paĝoj en la sistemon de la Internacionalstenografio. Certe tiu ĉi verketo me itas, ke stenografistoj de l' tuta mondo vigle interesiĝas pri ĝi.

**I S K (Internacia Socialista Kunbatalantaro),** monata, tre interesa revuo, eldonita de la estraro de Internacia Socialista Batal-unuiĝo; ekspedejo: Schlüchtern (Bez. Kassel), Erich Wettig. — Tiu ĉi gazeto havas ankaŭ esperantan parton, kaj se la unua provo sukcesos, la eldonejo planas, iom post iom pligrandigi tiun parton. Do, ni favore kunlaboru!

**Holanda Esperantisto.** — Orgaan der nederlandsche Esperanto-Beweging. Redaktejo: van A. Kloek kaj H J. Blokker. Aperas ĉiudekkvar-tage kaj enhavas multe da interesa legaĵo.

**Libera Laboristo.** — Oficiala organo de Tutmonda Ligo de Esperantistaj Senŝtatanoj (T L E S)-Adm. kaj Red.: J. Reichert, Mannheim, R 6, 3. — Jarabono sen membreco: 0.75 dol., kun membreco: minimume 1 dol.

**The British Esperantist.** — Oficiala organo de la Brita Esperanto-Asocio: 142, High Holborn, London W. C. 1.

**Argentina Esperantisto.** — Monata Esperanto-Bulteno; Adm. kaj Red.: Str. C. Pellegrini 238 — Buenos Aires (Argentino).

**Esperanto-Mondo.** — Internacia monata revuo por literaturo, tekniko kaj sciencoj. — Red. kaj Adm: L Dederichs, Hannover, Sallstr. 124, Germanujo.

**La Progeso.** — Oficiala organo de la Ĉeĥoslovaka Esperanto-Asocio. — Red. kaj Adm.: Praha VII, Socharska 333

**Vegetarano.** — Oficiala organo de la internacia Vegetara Ligo Esperantista (V. L E.). — Oskar Bünemann, Hamburgo 24, Papenhuderstr. 32-II, Germanujo.

**Verda Kruco.** — Verkfolioj de Esperantista Tabakkontraŭula Asocio. Rilate al la granda signifo, kiun meritas la internacia batalo kontraŭtabaka, estas tre grave, ke ankaŭ en Esperanto aperas publikilo de tiu ĉi movado. — Adreso: Esperantista Tabakkontraŭula Asocio, Wien I, Judenplatz 2.

**Kristana Revuo.** — Dumonata Bulteno de la laboro de Dio tra la tuta mondo. — Brita Esperantista Asocio, 142, High Holborn, W. C. 1., London, Anglujo.

**Gvidlibreto.** — Sub la aŭspicioj de la Germana Regiona Popolklera Asocio aperis belega, riĉe ilustrita „Gvidlibreto tra la distrikto Schönhengst', la plej granda germanlingva insulo en Ĉeĥoslovakujo), kunmetita kun helpo de Dro. Alfred Grimm kaj esperantigita de Erich Koblischke, instruisto, Landskron. Oni nur povas rekomendi al ĉiuj gekolegoj ĉi tiun riĉenhavan kaj malmultekostan libreton. Mendojn kaj informpetojn adresu al la tradukinto. — Prezo: Kĉ 1.—.

Red.

---

Presejo: Dr. Karl Pickert, Leitmeritz, Bohemio.

